Bernard Golden

# Metodologiaj problemoj en la etimologia esploro de la germana komponanto de Esperanto

**Per tiu ĉi artikolo mi daŭrigas la analizon de la studaĵo de Manfred Arnold titolita „Ĉu germana aŭ angla? — pri germanaj vortoj en Esperanto", aperinta en d e r e s p e r a n t i s t, n-ro 111/1/1982, pĝ. 9—12. Miaj antaŭaj artikoloj, „Pri la esploro de la germana komponanto" kaj „Ĉu estas germanaj vortoj en Esperanto?" estis publikigitaj en d e r e s p e r a n t i s t, n-ro 116/6/1982, pĝ. 131—132, kaj n-ro 122/6/1983, pĝ. 128—129.**

Manfred Arnold iom obskure parolas pri la fontoj de la leksika materialo, kiun li uzis por sia studaĵo. Li klarigas, ke li trastudis **Plena Ilustrita Vortaro** (PIV) kaj trovis ĉiujn vortojn, kiuj povus esti germanaj. En la sekva frazo li asertas, ke laŭ lia kono la kreinto de Esperanto, d-ro Zamenhof, parolis nur du ĝermanajn lingvojn, la germanan kaj la anlgan. La unua metodologia punkto postulas diferencigon de la leksikaj elementoj en Esperanto de germana deveno laŭ la sekva klasifiko: (1) Fundamentaj, (2) ne-Fundamentaj sed uzataj de Zamenhof, (3) poste oficialigitaj radikoj, (4) neoficialaj radikoj registritaj en vortaroj, (5) neologismoj ankoraŭ ne registritaj sed uzataj, (6) t. n. hazardaj neologismoj, kiuj verŝajne neniam enradikiĝos. Mi havas la impreson, ke Arnold atribuas zamenhofecon al la enhavo de PIV. Ĉu li ne rimarkis la steleton antaŭ radikoj, indikantan ties Fundamentecon, kaj la supreskribitan „z" post radiko, montrantan, ke la koncerna vorto estas trovebla en verko de Zamenhof? Tiuj donitaĵoj estas nemalhaveblaj por tipologiaj kaj historiaj analizoj de la influo de la germana lingvo en Esperanto.

Kontrolo de la enhavo de PIV malkovras du gravajn faktojn: unue, Arnold ne diligente trakribis la tutan vortaron, ĉar pluraj vortoj de sendube germana deveno estis preteratentitaj; due, li uzis, krom PIV, ankaŭ alia(j)n fonto(j)n por kolekti leksikan materialon. Mi faris rapidan provkontrolon sub la literoj „k" kaj „s" kaj trovis jenajn vortojn, komenciĝantajn per tiuj literoj: kahelo (**Kachel**), kekso (**Keks**), kringo (**Kringel**), ŝakto (**Schacht**), ŝindo (**Schindel**), ŝlifi (**schleifen**), ŝroto (**Schrot**), ŝrumpi (**schrumpfen**).

Du vortoj, kiuj indikas, ke Arnold uzis aliajn vortarojn krom PIV, estas „vimplo" kaj „stromo". „Vimplo" mankas en PIV kaj en ĉiu alia vortaro, kiun mi konsultis, kun la escepto de la poŝformata **Esperanto - Deutsches Wörterbuch** (1967) de Erich-Dieter Krause; en ĝi la signifo estas „**Wimpel (Fahne)**". Kontraŭe, en la samaŭtora germana-Esperanta poŝvortaro (1971) **Wimpel** estas tradukita per „flagrubando", kaj en sia mezgranda **Wörterbuch Deutsch Esperanto** (1983) Krause aldonas ankaŭ „kojnoflago" al „flagrubando". Interesa demando estas, ĉu la leksikografo mem enkondukis „vimplo" aŭ ĉu ĝi estis uzata pli frue fare de alia aŭtoro? Parenca angla vorto estas **wimple** (elp. ŭimple), sed ĝi havas tute alian signifon: kapvualo, portata de monaĥinoj.

La dua vorto, kiun Arnold ĉerpis aliloke estas „stromo". En PIV ja estas registrata „stromo", helendevena anatomia termino signifanta fundamentan parton de histo. Ĝi estas parenca al vortoj kiel „sterni" kaj „strato" sed tute ne rilatas al la germana vorto **Strom**. Se oni faras vere profundan traserĉon en Esperantaj vortaroj, oni trovos, ke antaŭ sep jardekoj **Strom** estis esperantigita. En la **Plena Vortaro** de Émile Boirac (1909—1910), aperas en la aldona parto kiel fizika termino la vorto „stromo", difinita kiel „fluo, kurento". La fonto, kiun Boirac uzis, estas **Scienca Revuo,** do li mem ne enkondukis ĝin. „Stromo" estas unu el tiuj hazardaj neologismoj, mortnaskitaj pro neuzo. Vane oni serĉas ĝin en aliaj gravaj Espearntaj vortaroj publikigitaj post la **Plena** de Boriac. **Technisches Wörterbuch** (1967) de Rudolf Haferkorn tradukas **Strom** per „kurento", „elektra fluo". Arnold plej probable vidis ĝin en

la sama Esperanta-germana poŝvortaro menciita ĉi-supre, en kiu ĝi ne estas medicina fakvorto sed elektra termino tradukita per **Strom**. En la alidirekta germana-Esperanta poŝvortaro, **Strom** havas kiel ekvivalentojn en Esperanto „**(Fluss)** riverego; **übertr** torento; **El** kurento", kaj en la mezgranda germana vortaro estas aldonita „**Strömung** fluo". „Stromo" tute malestas.

La inkludo de du efemeraj vortoj kiel „vimplo" kaj „stromo" en la listo de Arnold levas principan demandon: kio estas — aŭ kio devas esti — germandevena vorto en Esperanto? Ĉu la esplor-metodologio enhavas objektivan manieron mezuri la gradon de enradikiĝo de radiko, kiu ankoraŭ ne fariĝis oficiala? Se ne, esploristo, trakribrinte multajn konsultlibrojn, beletrajn verkojn kaj periodaĵojn, rapide kolektos amason da leksika balasto, kiu vere ne apartenas al la lingvo, nek skriba nek parola, ĉar neniu krom la aŭtoro uzis/uzas tiujn vortojn.

Arnold dividas la vortojn, kiujn li trovis, en kvar grupojn.

1. 98 vortoj en Esperanto, kiuj tute ne havas anglajn konformaĵojn kaj pro tio klare estas germandevenaj.
2. 80 vortoj, kiuj devus esti germanaj kaj ne anglaj, ĉar la analoga germana vorto pli konformas al Esperanta vorto ol la angla.
3. 23 vortoj, kiuj havas anglajn konformaĵojn sed, en la opinio de Arnold, estas aŭtentike germanaj, parte pro sia historia deveno.
4. 79 vortoj, kies germanaj kaj anglaj konformaĵoj estas tiom similaj, ke Arnold ne kuraĝas decidi pri ilia deveno.

Zorga ekzameno de la kvar listoj montras, ke ili ne estis bone kompilitaj. Unue, estas neniu klarigo pri la kialo de la apero de identaj morfemoj en pli ol unu listo, jen kiel verbo, jen kiel substantivo, jen kiel adjektivo. Ekzemple, en grupo 1 troviĝas „ebeno", „kerna" kaj „ŝmiri" kaj en grupo 2 „ebena", „kerno" kaj „ŝmira". Due, pluraj vortoj estas listigitaj en malĝustaj grupoj, ĉar ilia etimologio ne estis sufiĉe profunde analzita, aŭ ĉar Arnold ne povis rekoni la parencajn anglajn vortojn. Ĝuste pro tio la sekvaj vortoj en grupo 1 devas transiĝi al unu el la aliaj grupoj. „Drato" (G. **Draht**, A. **thread**) kaj „torfo" (G. **Torf**, A. **turf**) apartenas al grupo 2. En grupon 4 oni metu „mufo" (G. **Muffe**, A. **muff**) kaj „strando" (G. **Strand**, A. **strand**). Fama londona strato nomiĝas **The Strand**, ĉar en la pasinteco ĝi kondukis laŭ la rivero Tamizo. Se „paki" (G. **packen**, A. **pack**) havas ĝustan lokon en grupo 4, devas esti tie ankaŭ „haki" (G. **hacken**, A. **hack**).

Malgraŭ tio, ke Arnold ne kuraĝas decidi pri la deveno de la 79 vortoj en grupo 4, estas kelkaj, kiuj nepre havis germanan etimon, ĉar estas pli malfacile formi la Esperantan vorton surbaze de angla etimo. „Ŝultro" jam estis pritraktita en la antaŭa artikolo de la serio (pĝ. 129). G. **pflügen** devas esti la etimo de „plugi", ĉar A. **plough** (aŭ **plow**) estas prononcata „plaŭ" kun diftongo kaj sen la go-sono. Samkiale „kripo" ne povas veni de A. **crib**, en kiu la fina konsonanto estas voĉa „b", sed de G. **Krippe** kun la konsonanto „p". Mi rigardas la germanajn vortojn **Möwe**, **Wachs**, **warm**, **wecken**, **Winter** kaj **wringen** kiel la etimojn de „mevo", „vakso", „varma", „veki", „vintro" kaj „vringi" respektive, ĉar la germana „w" havas la vo-sonon; male, la angla „w" estas muta en **mew** kaj **wring** kaj sonas kiel „ŭ" en la ceteraj vortoj.

Evidente de angla deveno estas „murdi" kun la sama vokalo kiel en la etimo **murder**. Zamenhof ne povis uzi G. **morden**, ĉar la radiko „mord-", de F. **mordre**, estis uzita por alia verbo. Same, „flanĝo" kaj „hardi" estas angladevenaj, ĉar en la etimoj **flange** kaj **harden** la konsonantoj „g" kaj „d" estas prononcataj kiel „ĝ" kaj „d" en Esperanto. Kontraŭe, en G. **Flansch** troviĝas fina „ŝ", kaj en G. **härten** estas „t" kun la vokalo „ä", kiu ne estas ekvivalento de „a".

Tre similaj estas la germanaj kaj anglaj vortoj por „nudelo" (G. **Nudel**, A.

noodle), „pudelo" (G. **Pudel**, A. **poodle**), kaj „spindelo" (G. **Spindel**, A. **spindle**). Estas pli probable, ke la germanaj vortoj estas la etimoj de la Esperantaj, ĉar ili estas dusilabaj same kiel la Esperantaj radikoj, dum en la anglaj vortoj tre malforta „e" estas apenaŭ aŭdebla antaŭ la „l". Arnold erare metas „staplo" en grupon 1, supozante, ke ĝi ne havas anglan konformaĵon; ĝi estas **staple**, kiu estas pli proksima al „staplo" ol G. **Stapel**. Pro tio mi konsideras la Esperanton vorton angladevena. „Nadlo" en grupo 2 prezentas alispecan problemon; ĝi havas la „a" de G. **Nadel** sed mankas „-el", kaj pro tio la radiko „nadl-" pli similas al A. **needle** (elp. „ni:d'l" kun longa vokalo). Tie-ĉi ni havas aferon kun hibrida vorto, formita surbaze de etimoj el du lingvoj. Tiaj vortoj, en kiuj angla aŭ franca elemento akompanas germanan morfemon, ne estis pritraktitaj de Arnold; ili estos la temo de la sekva artikolo.

Ankoraŭ unu aspekto de la metodologio de Arnold estas kritikenda. La listigo en grupo 4 de parencaj malnovgermanaj kaj anglosaksaj vortoj estas superflua pedanteco, kiu kontribuas nenion al la solvo de etimologiaj problemoj en Esperanto, krom se ekzistas dokumentebla atestaĵo, ke la etimo de iu Esperanto vorto estis ĉerpita el unu el tiuj lingvoj.

## Stampojn oni registras laŭ Burmeister-numeroj

Pritemaj filatelaj katalogoj ne tro oftas! Ĝuste temaj stampo-katalogoj eĉ estas raraĵoj! La Katalogo de Esperanto-poŝtstampoj (1983) ĵus eldonita de Esperanto-Ligo Filatelista, kompilita de Rudolf Burmeister, GDR, estas ĉi-kategoria, kaj sian unikecon ĝi dankas al Esperanto mem, t. s. al la reala kaj senpera komunikeblo kaj komunikado inter la seriozaj E-temuloj en multaj landoj. Tamen, sen la longdaŭra kaj konscienca penado de la aŭtoro la 28-paĝa verketo ne tiel estus povinta maturiĝi.

Kompleteco de filatela katalogo nur estas deziro kaj revo, sed tiu ĉi kajero atingas altan ŝtupon de tia kvalito. La enhavo — preskaŭ nekredebla informo por filatelaj laikoj! — ampleksas 640 poŝtajn stampojn (kun variaĵoj) el 35 landoj, krome la konatajn afrankostampojn kaj similajn materialojn kaj fine ankaŭ provizoran liston pri E-poŝtmarkoj. Subdividite laŭ landoj la stampoj prezentiĝas en tempa sinsekvo kaj estas tiel numerigitaj. Ĉiu stampo estas karakterizita per indiko de aplikotempo, -loko kaj -okazo, per mezuroj kaj aliaj ecoj (koloro, speco k. t. p.).

Tiu ĉi plaĉe aranĝita katalogo gajnus ankoraŭ pli da allogeco per eĉ nur kelkaj ilustraĵoj, per montro de kelkaj tre belaj stampoj. Nia katalogo estas okulfrape konkludiga el diversaj aspektoj: Ne estas hazardo, ke en Pollando ĝis nun uzitis 122 kaj en Hungario 89 stampoj dum ekzemple en Britio estas aplikitaj nur 13 stampoj. Ankaŭ la prosperon de la Esperanto-movado oni kelkfoje povas ekkoni; ekzemple post 1967 aperis en GDR 20 E-stampoj, el ili 17 nur inter 1979 kaj 1983. La stampoj estis iniciatitaj okaze de kongresoj, renkontoj. Kiel stampomotivoj uzitaj estis E-simboloj, majusklaj mallongigoj, Zamenhof. GDR iris parte alian vojon: la stampobildoj respegulas kaj la aplikadon de Esperanto (Goethe, Forel, Dimitroff . . .) kaj la historion de konsidero pri internacia lingvo (Galen, Descartes, Francis Bacon . . .).
Tiu ĉi katalogo, kiu eltenas komparon kun plej bonaj temaj katalogoj, ne nur estas valora helpilo por kolektantoj, sed eĉ kondiĉo por serioza filatela agado sur tiu ĉi speciala kampo kaj ligilo por granda nombro de E-filatelaj entuziasmuloj. Gratulon al la kompilinto kaj ties helpintaro kaj sinceran dankon nome de la Esperanto-filatelistoj! Interesuloj sin direktu al la aŭtoro Rudolf Burmeister, 9047 Karl-Marx-Stadt, Firlstr. 30.

D-ro Giso Brosche

**Regiona renkontiĝo**

La 30-an de junio 1984 okazis en Sangerhausen la regiona renkontigo de la esperantistoj el la distrikto Halle. Pro la samtempa festo de la rozoj kaj ministoj partoprenis entute 85 personoj, el ili eĉ 12 eksterlandaj gastoj. La ĉeesto de reprezentantoj el partio kaj ŝtata aparato pruvis la estimon, kiun oni montris al la kulturpolitika laboro de la urba Esperanto-grupo.
Post malfermo oni vizitis la muzeon, kies atrakcio estas la preskaŭ kompleta skeleto de pramamuto.
Rigardinte la historiajn vidindaĵojn de la urbo kaj post bona tagmanĝo oni iris al la mondfama rozĝardeno, kie la rozoj staris en plej luksa florado.
Dum la sekvanta kafopaŭzo en la klubo oni interparolis, ligis novajn amikecojn aŭ revivigis malnovajn. Ĉiuj partoprenintoj opiniis, ke la aranĝo estis plaĉa travivaĵo kaj por la organizintoj plena sukceso. D.

## Ni kore gratulas

— al la sekretario de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, la multflanke aktiva k-do Zdenko Křimsky, kiu festis la 27an de majo sian 50an naskiĝtagon.
Ni krome tre kore gratulas al lia edziĝo al Janina el Vilnius. Ambaŭ nuptofestis la 1an de marto 1984 en Vilnius.

# Das Wichtigste aus dem Mittelfristigen Plan der UNESCO

## Weltweiter Zusammenhang

Die erste Feststellung betrifft die globale Dimension allen menschlichen Tuns, den weltweiten Zusammenhang, in dem alle Probleme künftig gesehen werden müssen. Wie der französische Schriftsteller Paul Valéry vor mehr als einem halben Jahrhundert voraussagte, „geschieht nichts mehr, ohne daß die ganze Welt mit einbezogen wird." Obwohl wir uns dieser Tatsache immer deutlicher bewußt werden, verfügen wir jedoch nur über unvollständige Mittel der Analyse und Planung, die sich stellenden Probleme anzugehen.

## Der Rüstungswettlauf

Der Rüstungswettlauf hat derartige Formen angenommen, daß er die internationale Szene beherrscht. Aber auch der Frieden besitzt seine Dynamik, wie das Anwachsen der Friedensbewegung in allen Ländern zeigt. Ungleichheiten und Rüstungswettlauf müssen in einem weiteren Zusammenhang gesehen werden: Auf der einen Seite stehen Fehlentwicklung, die alle Länder betreffen, und ein internationales Wirtschaftssystem, dessen negative und oft sehr schmerzliche Auswirkungen heute deutlich werden. Auf der anderen Seite hören wir täglich von Spannungen und Konflikten, mögen sie nun weltweites Ausmaß haben oder regional begrenzt sein.

## Umwelt

Die Bedrohung der Umwelt zeigt deutlich die Verbundenheit individueller und kollektiver Schicksale. Daher die Suche nach Gemeinsamkeit, um im Geist der Solidarität Lösungen zu finden.

## Neue Formen der Kommunikation

Die Entwicklung neuer Formen der Kommunikation ist von grundlegender Bedeutung. Sie kann Quelle der Bereicherung und des Fortschritts für die ganze Welt sein. Voraussetzung dafür ist jedoch, daß sie nicht zur Vorherrschaft gewisser Machtzentren führt, die Wissen und Verhaltensnormen schaffen und kontrollieren. Schon jetzt läßt sich ein gewisser Hang zur Einförmigkeit feststellen, der zu einer erheblichen Verarmung der Menschheit führen könnte.

## Neuordnung des Wissens

Eine Neuordnung des Wissens ist im Werden. Neue Beziehungen zwischen Natur-, Sozial- und Geisteswissenschaften sollen erlauben, die Komplexität der Wirklichkeit besser zu erfassen. Dies könnte nicht nur Produktionsbedingungen und das Konsumverhalten ändern, sondern auch die sozialen Beziehungen neu gestalten. Tatsache bleibt, daß der ungleiche Stand der wissenschaftlichen und technischen Entwicklung auf der Welt dazu führt, daß eine kleine Anzahl von Ländern allein den Schlüssel zu den großen zukunftsträchtigen Entwicklungen der Technik besitzt.

## Kultur: Treibende Kraft der Entwicklung

Wissenschaft und Technik, Kommunikation und Information sind ebenso wie Erziehung integrale Bestandteile der Kultur. So verstanden ist Kultur daher die treibende Kraft für jede Entwicklung. Ähnlich beruhen auch Umweltprobleme auf Annahmen, auf Werten, mit anderen Worten auf der Kultur. Die Bedrohung des Friedens, offene Verletzungen der Menschenrechte, Intoleranz und Rassismus sind ebenfalls kulturellen Ursprungs. (Aus: UNESCO Kurier)

(Kondiĉojn vidu en „de" n-ro 123)

## Legu Kaj lernu n-ro 2

(Redaktas: Dieter Berndt, 1020 Berlin, Berolinastr. 2)

### La kofro

La heroo (Held) de nia historio, sinjoro Ŝercmaĥer, certe konas multaj homoj en nia urbo. Kiam li finis siaj studoj, li heredis (erben) de sia maljuna onklino bela domo. Sed baldaŭ li rimarkis, ke la domo estas tro malplena kaj tial li komencis serĉi vivkunulino (Lebensgefährtin), kiu havus la necesaj kvalitoj. Foje en balo li ekvidis la bela fraŭlino Ŝnurheĥt. Li elverŝis antaŭ ŝi sia koro kaj poste li singarde kolektis necesaj informoj pri ŝia familio. Kiam li ricevis la informo, ke ŝiaj gepatroj loĝas en urbeto Kotmont, li decidis viziti ili por peti ŝia mano. En la stacidomo li aĉetis la plej freŝa gazeto. Por havi dum la vojaĝo bona humoro kaj kuraĝo li trinkis unu glaso da biero. Enirinte en la vagonaro, li rimarkis, ke ĉiuj sidlokoj estas jam okupitaj de homoj, kiuj dormis, manĝis aŭ kartludis. Eĉ en la koridoroj de la vagonoj la homoj staris kaj sidis sur pakaĵoj.

Li traesploris la tuta vagonaro sed ne trovis eĉ unu libera sidloko. Tial li okupis starloko en la koridoro. Por forpeli la enuo, li komencis legi. Li elprenis la gazeto el la poŝo kaj komencis legi la artikoloj, kiuj pritraktas la teatraj kaj sportaj novajoj. Baldaŭ aperis la konduktoro (Schaffner) por fari kontrolado de la biletoj. Li rigardis la bileto de s-ro Ŝercmaĥer kaj diris: „Sinjoro, via bileto estas en ordo, sed la kofro, kiu kuŝas apud vi sur la planko, bonvolu meti sur la pakaĵbreto en la kupeo". La konduktoro foriris kaj s-ro Ŝercmaĥer remetis la bileto en la paŝo kaj daŭrigis la legado. Post kelkaj minutoj revenis la konduktoro. Li vidis, ke la kofro ankoraŭ estas sur la sama loko. Li diris al s-ro Ŝercmaĥer: „Sinjoro, mi petis vi, meti la kofro en la kupeo, sed vi ne faris tio. Mi atentigas vi pri la kvara punkto de nia regularo. Ĝi minacas (drohen) per monpuno (Geldstrafe) la pasaĝeroj, kiuj lasas siaj pakaĵoj en la koridoro." „Jes, mi scias", respondis s-ro Ŝercmaĥer trankvile. Sed li daŭrigis sia legado. Kiam la konduktoro vidis, ke nenio okazas, li komencis krii. Sed vane. La respondo ĉiam estis: „Jes, mi scias". Fine, en stacio, la konduktoro alvokis la staciestro. Li raportis pri la okazintaĵo kaj petis la staciestro fari protokolo kaj elĵeti la obstinigânta pasaĝero. La staciestro prenis papero, inko kaj plumo kaj kuris en la vagono. Li demandis s-ro Ŝercmaĥer pri lia nomo, profesio, naskiĝloko kaj dato, adreso, familia stato, politika aparteno, religio, ekonomia situacio, aparteno al kulturaj, sportaj kaj aliaj societoj, vojaĝcelo, nombro de liaj dentoj kaj skribis konscie kaj akurate ĉiu respondo en la protokolo, fine li demandis: „Kaj kial vi ne volas enporti la kofro en la kupeo?" S-ro Ŝercmaĥer, aŭdinte tiu grava demando, solene respondis: „Ĉar ĝi ne estas mia kofro!"

(Laŭ „La Praktiko")

**Tasko** — Certe vi rimarkis, ke io ne estas en ordo en tiu ĉi artikolo. Jes. Mankas ĉie la grava finaĵo -n. Se vi ne volas reskribi la tutan artikolon kaj ĝustigi ĝin, skribu al mi almenaŭ kiomfoje mankas la finaĵo -n. Mi atendas viajn leterojn ĝis du monatoj post la apero de tiu ĉi numero.

Dieter Berndt

### Broŝuro de K. U. Černenko

La Eldonejo de la novajagentejo Novosti (APN) ankaŭ 1984 daŭrigas la eldonadon de bazaj dokumentoj de la sovetia ekstera politiko. Jus aperis 30-paĝa bonkvalite eldonita broŝuro kun du paroladoj de K. U. Černenko, Ĝenerala Sekretario de CK de KPSU, sub la titolo „Gardi la pacon, zorgi pri la bono de la popolo". La eldono de tiuspecaj materialoj en Esperanto estas tre grava, ĉar la sovetia eksterpolitiko, aparte la multaj proponoj pri malarmado, ankaŭ en esperantistaj rondoj de nesocialismaj landoj ne estas sufiĉe konataj. La tradukon faris L. Novikova kaj B. Kolker.
Mendu la broŝuron grandkvante ĉe: Asocio de Sovetiaj Esperantistoj, Prosp. Kalinina 14, Moskvo — K — 9, SU.

# Laste aperis

**(La listo ne estas librooferto, sed nur celas informi pri laste aperintaj gravaj libroj)**

Bela revulo. Geng Geng. El la ĉina (1979). Beijing: Ĉina Esperanto-Eldonejo, 1983 (2a eld.). 38 p. Pentris Jiang Cheng'an kaj Wu Daisheng. 21 cm, 88-Es-152P. Fablo pri la valoro de persistemo en lernado.

Castigliano come base e mezzo di pianificazione interlinguistica, II, Valerio Ari (Giorgio Silfer), Bellinzona: „Hans Dubois", 1983, 50 p. Mimeo. 30 cm. Itallingva doktoriĝa disertaĵo. La kastilia kiel bazo kaj rimedo de interlingvistika planado.

Cent humoraĵoj: Facilaj legaĵoj de Esperanto. El la ĉina komp. Li. Beijing: Eldonejo Scio, 1983 28 p. 19 cm. Libro-n-ro 9214.21. Cent tute mallongaj legaĵoj i. a. por komencantoj.

Doktrino de Karl Marks kaj kelkaj aspektoj de la socialisma konstruado en USSR, La. Ju. V. Andropov. Moskva: 1983, 29 p. 17 cm. Oficiala parolado.*)

El Anatol: kvin unuaktaĵoj (1893), Artur Schnitzler (1862 — 1931). El la germana trad. Leopold Grimm k. a. Wien: Aŭstria Esperanto-Instituto, 1983, 67 p. 21 cm. Teatraĵoj de la konata aŭstra dramisto kaj romanisto. Kun humuro kaj aparta talento por priskribi personecojn.

Gerda malaperis! Claude Piron (1931). Chapecó: Fonto, 1983, 48 p. 21 cm. Lingvoinstrua romaneto, bazita sur la principo motivi la lernanton per redukto de novaj lernendaĵoj.

Hibakusha. Tôkyô: Ni hon Hidankyo, 1982. 20 p. Ilus. 26 cm. Esperanta, angla-itallingva libreto pri la efikoj de la atombombaj atakoj al Hiroŝima kaj Nagasaki.

Infanoj en Hiroŝimo, div. aŭtoroj. El la japana trad. Sadami Tanaka. Osako (ne indikita): Japana Esperanta Librokooperativo. 1983. 64 p. ilus. 18 cm. 4 historioj pri la atombomba atako al Hiroŝimo.

Interlinguistica Tartuensis II; Teorio kaj historio de internacia lingvo. Tartu: Tartu Riikliku Ülikool, 1983, 112 p. 22 cm. Ok akademiaj traktaĵoj pri interlingvistikaj kaj Esperantaj temoj redaktitaj i. a. de Paul Ariste. Tute ruslingva, kun resumoj en Esperanto.

Kaguya Hime; Lumanta princino, Hideo Sinoda. Tôkyô: Asake-Syoboo, 1982. 18 p. Plenkolore ilus. 21 cm. Originale verkita laŭ la plej malnova japana fabelo, pli-ol-miljara.

Katalogo de Esperanto-poŝtstampoj (1983), komp. R. Burmeister. Eldonloko ne indikita: Esperanto-Ligo Filatelista, 1983. 21 cm. Informoj pri 640 poŝtaj stampoj kaj aliaj Esperanto-rilataj filatelaĵoj.

Kemia nomenklaturo, Jan Pióro. Frankfurt a. Main. G. und M. Westermayer, 1983. 37 p. Mimeo. 21 cm. ISBN 3-923596-20-0. Propono pri Esperanta nomsistemo por la kemio.

Konstitucio de Popola Respubliko Bulgario (1971). El la bulgara trad. Genĉo Genĉev. Sofia (ne indikita): Bulgara Esperantista Asocio. 1980. 48 p. Mimeo. 19 cm.

Marĝene de la lernolibro. Bernard Golden (1925). Budapest: Hungara Esperanto-Asocio, 1982, 58 p. 20 cm. ISBN 963 571 083 6. Kolekto de studaĵoj kun la celo instrui ĝustan lingvouzon — prononcon, gramatikon, vortfaradon, semantikon, tradukadon, stilon k. t. p.

Mikrokomputilo: ĉu amiko aŭ malamiko? Red. Péter Broczkó. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio, 1983. 64 p. Ilus. 24 cm. ISBN 963 571 1212. Multinforma artikolaro pri komputado, ĉefe pri mikroelektroniko kaj mikrokomputiloj; kun informoj el pluraj ĉiteme neglektataj landoj. La celita legantaro estas ĉiuj uzantoj de komputiloj, ĉu ŝatokupaj ĉu profesiaj.

Modela statuto de konsumkooperativo. El la bulgara trad. G. Dolapĉiev. Sofia: Centra Kooperativa Unuiĝo. 1983. 30 p. Mimeo. 20 cm.

Neologisma glosaro; Eta postrikolto el PIV, Henri Vatré (1908). Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1983. 48 p. 21 cm. Jubilea Eldon-serio: 3. Esperantologio 4. Listo de proks. mil vortpropponoj, Kiuj ne troviĝas en PIV; kun ties fontoj.

Ni vivos! Julian Modest (pseŭd.). Budapest: Hungara Esperanto-Asocio, 1983 (ne indikita). 53 p. 20 cm. ISBN 963 571 119 3. Originale verkita dokumenta dramo pri la lastaj jaroj el la vivo de Lidia Zamenhof, la filino de la iniciatinto de Esperanto, kiu estis mortigita en nazia koncentrejo.

Osnovnye ponjatija i termini interlingvistiki, S. N. Kuznecov. Moskva: Universitet Družby Narodov, 1982. 80 p. Mimeo. 22 cm. Ruslingva akademia traktaĵo pri interlingvistikaj terminoj.

Palmŝtrojmo (1910). Christian Morgenstern (1871 — 1914). El la germana trad. Richard Schulz, Paderborn: Esperanto-Centro, 1983, 181 p. 19 cm. ISBN 3 922570 36 4. Traduko de Palmströnn: kolekto de poeziaĵoj, kiuj absurdigas naturalismon, parodias estetikismon kaj ridindigas romantikismon. Morgenstern estis aparte konata pro siaj ŝercoj kaj burleskaj verŝaĵoj.

Patrino, La (1920). Grazia Deledda (1871 — 1936). El la itala trad. G. Lacertosa. Venezia: Mestrina Editrice, 1983, 136 p. 21 cm. Verko de itala romanistino, konata pro sia „konsciencema realismo". Ŝi ricevis la Nobelpremion en 1926.

Poeto fajrokora: La verkaro de Julio Baghy, Marjorie Boulton. Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1983. 144 p. 20 cm. Jubilea Eldon-serio: 3. Esperantologio 5. Literatura kritiko pri la verkaro de Julio Baghy (1891 — 1967), unu el la plej famaj esperantaj verkistoj, kun resuma biografio. Enkonduko kaj bibliografio de R. Haupenthal.

Por ekologia socio (1971 — 74), Murray Bookchin. El la angla trad. „D. C." Laroque Timbaut: Cercle espérantiste de l'Agenais „Laûte". 1983. 119 p. Mimeo. 21 cm. SAT-Broŝurservo. Kolekto de kvin artikoloj pri rilatoj inter la ekologio kaj anarkiismo.

Septembra poezio, div. aŭtoroj. El la bulgara trad. diversaj. Sofia: Bulgara Esperantista Asocio, 1982, 44 p. Mimeo. 20 cm. Versajoj pri la ribelo de 1923 en Bulgario.

Septembro estiĝos majo, komp. N. Kjuĉukov, red. L. Raeva. Sofia: Sofia-Pres, 1983, 192 p. 20 cm. Antologio de rakontoj kaj poemoj pri la kontraŭfaŝisma Septembra Ribelo de 1923 en Bulgario. La libro inkluzivas verkojn tradukitajn el la bulgara kaj originale Esperantajn.

Sferoj-2: Sciencfikcio kaj fantasto, div. aŭtoroj. Div. tradukistoj. Komp. M. Guitierrez Aduriz. Santander: la kompilinto, 1983. 145 p. Ilus. 19 cm. ISBN 84 300 9632 9. Dek tri sciencfikciaj rakontoj el diversaj lingvoj; kun same altnivela grafika prezento kiel la unua volumo.

Skandalo pro Jozefo, La, Valdemar Vinař (1918 — 1981). Praha: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 1981, 68 p. Ilus. Mimeo. 21 cm. Originale romano bazita sur okazajo en antikva Egiptio, rakontita en la unua libro de la Biblio, Genezo.

Skizoj pri la historio de bulgara Esperantomovado, kunmetis Dimitr Papazov. Sofia: Bulgara Esperantista Asocio, 1982. 143 p. Ilus. Mimeo. 20 cm. Traktas la historion de 1907 — 1982.

Sur kampo granita, István Nemere (1944). Budapest: Hungara Esperanto-Asocio, 1983, 27 p. 20 cm. ISBN 963 571 120 9. Romano de jam bone konata Esperanta verkisto; bazita sur vera okazajo, kiam oni malkovris, ke episkopo estis krimulo de la Dua Mondmilito.

Universal Languages and Scientific Taxonomy in the Seventeenth Century, M. M. Slaughter. Cambridge: Cambridge University Press, 1982. 277 p. 24 cm Bind. ISBN 0 521 24477 3. Anglalingva akademia traktaĵo pri projektoj de universala lingvo el la 17a jarcento kaj ties sociaj kaŭzoj (kvankam ne pri la laboro de Leibniz).

Unuaj pioniroj de Esperanto-movado en Bulgario, Boris Nedkov. Sofia: Bulgara Esperantista Asocio, 1982. 39 p. Ilus. Mimeo. 20 cm. Biografietoj pri la plej fruaj esperantistoj en Bulgario.

Vilaĝo Borovo, Krum Velkov. El la bulgara trad. Asen Grigorov, Budapest: (ne indikita): Hungara Esperanto-Asocio, 1982. 130 p. 20 cm. ISBN 969 571 115 8. Romano pri okazajoj en bulgara vilaĝo okaze de la ribelo en 1923.

Vortaro de Esperanto kaj svahila, Jan Knappert. Rotterdam: UEA, 1983. 130 p. 18 cm. ISBN 92 9017 027 1. Dudirekta poŝvortaro kun Esperanta skizo pri la svahila kaj la svahillingva skizeto pri la baza gramatiko de Esperanto.

Zamenhof — Movado — Doktrino. Warszawa: Esplorkleriga Centro de Pola Esperanto-Asocio, 1983. 124 p. Mimeo. 20 cm. Tri eseoj: Ludoviko Zamenhof, la kreinto de Esperanto de Ryszard Kaśko, Sociologio karakterizo de la Esperanto-movado de Jerzy Leyk kaj Doktrino de Zamenhof de Walter Żelazny.

(*havebla ĉe GDREA)

## Ĉu la Esperanto-literaturo estis neglektita aŭ nekonata?

La Bibliografia Instituto en Leipzig (GDR) eldonis en 3 volumoj la verkon „Lexikon fremdsprachiger Schriftsteller von den Anfängen bis zur Gegenwart" (Leksikono de alilingvaj verkistoj ekde komencoj ĝis la nuntempo) (VEB Bibliographisches Institut Leipzig, 1977, 1979, 1980). La redakcio emfazas, ke la nova verko entenas ĉirkaŭ 7000 artikolojn pri la 3000-jara literaturhistorio de la homaro. Pli ol 100 literatursciencistoj de GDR kunlaboris je tiu ĉi ampleksa verko. Estas videble, ke la eldonistoj intencis pritrakti ĉiujn literaturojn. Oni renkontas, vere, en la leksikono la literaturojn de ĉiuj kontinentoj. Estas bone, ke oni povas legi pri la literaturoj burmana, thaja, armena, babilona, khmera, burjata, manichaja, kvankam malmultaj legantoj de la Leksikono trovos en la eldonejoj, en la librovendejoj (eble eĉ en la bibliotekoj) librojn el tiuj literaturoj kaj ja nepre bezonos sciigojn pri la aŭtoroj, kaj tio estas ja la celo de tia verko. Sed la Esperanto-literaturo tute mankas, kvankam ties libroj estas haveblaj, reprezentitaj per grandaj verkistoj — modernaj, aktualaj, altinteresaj — en ĉiuj modernaj bibliotekoj kaj en ĉiam pli multaj librovendejoj de la mondo. Ĉu tiu forlaso estis intenco, neglekto aŭ malkono? Ni opinias, ke estas malkono, ĉar nekredeblas, ke aŭtoroj kiel Kalocsay, W. Auld, J. Baghy k. t. p. ne interesintus la eldonistojn, se oni estus sciinta pri la ĉefverkoj ekzistantaj en la Lingvo Internacia. Ĉu oni povas esperi, ke en la venontaj eldonoj oni forigos tiun forlason?

Prof. d-ro I. F. Bociort
Estro de la fako literaturteorio
en la Universitato de Timisoara, Rumanio

## Gravaj artikoloj en ZPSK

La titola mallongigo signifas „Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung", ĉefredaktorita de prof. d-ro Georg Friedrich Meier kaj eldonita de la Centra Konsilantaro por Lingvistiko ĉe la Akademio de Sciencoj de GDR. En numero 6/1983 aperis jenaj artikoloj aparte interesaj por interlingvistoj kaj esperantologoj: a) Helmar Frank „Kybernetische Theorien und empirische Ergebnisse des Sprachorientierungsunterrichts (pri Esperanto kiel enkonduko al fremdlingva instruado), p. 648 — 697, b) Hans Dieter Maas „Anforderungen an Datenstrukturen in einem maschinellen Übersetzungssystem, p. 698 — 705 (pri aŭtomata tradukado), c) Joachim Dietze „Esperanto als Informationssprache?" (pri Esperanto kiel lingvo de dokumentado), p. 730 — 734.

### Distrikta Renkontiĝo en Vogtlando

La 22an ĝis 24an de junio 1984 en Ellefeld ĉe Auerbach, Vogtland, renkontiĝis 40 esperantistoj. Partoprenis ankaŭ la geedza paro Palu el Tallinn/Soveta Unio kaj la sekretario de GDREA.

## Pri Marks, Engels kaj la „langue universelle"

**Komento de Canko Murgin el letero de 4.12.84**

„En p. 123. kolumno I-a, sube la jaro 1887 estas erara, devas esti 1867. Via koncepto kaj tiu de A. Ratkai, ke en 1867 kaj poste, ke la internacilingva problemo „estis sia-tempe nek aktuala nek politike grava" estas erareta per troigo. La fondo de la I-a Internacio kaj starigo de la pacmovado (ambaŭ en 1867) kreis jam praktikan bezonon de facile alirebla komprenilo. Do bezono por interlingvo jam kreiĝis kvankam por malgranda, sed kreskanta internacia sfero. Dum la I-a Kongreso de I-a Internacio (1867) oni diskutis la lingvan problemon kaj ties solvon. La tezo de la prudonistoj estis, ke oni povas krei tian internacian lingvon sur la bazo de la „internacia" franca lingvo, se oni simpligus ties ortografion per enkonduko de ortofonetika alfabeto por la franca lingvo. Do prudonistoj fakte por la franca lingvo pledis. Dum la II-a Kongreso de la I-a Internacio oni traktis la saman problemon laŭ la sama maniero t. e. temis pri franca lingvo kun ortofonetika skribo. Uzo de la nocio „universala lingvo" en la rezolucioj de 1867 kaj de 1868 ne estas identa kaj samcela. En la rezolucio de 1867 la prudonistoj pledis por franca lingvo en nova vesto (ortografio) kaj dankis al ĉiuj kiuj klopodis en tiu sfero por trovi solvon per kreo de planlingvo. En la rezolucio de 1868 la prudonistoj insistis pri lingvo en nova ortografio — fonetika. Ili ne plu konsideris necesa danki al tiuj, kiuj agadis en la kampo (sfero) de la planlingvo, ĉar ili kredis tiun metodon senfrukta. Nur la interveno de angla delegito A. A. Walton ebligis enŝovon de la esprimo „universala lingvo" en la rezolucion de la II-a Kongreso de I-a Internacio. Pro tio: a) prudonistoj ne plu kredis en kreo de planlingvo; b) la brita delegito kontestas la rajton de la franca por „universala lingvo" kaj kredas, ke tiu lasta povas esti kreita laŭ plana maniero. Prudonistoj estis eksigitaj el la internacia pacmovado kaj iom poste ankaŭ el la I-a Internacio.

En la nekrologa verko de Marks pri Prudon oni ne devas laŭtekste traduki la vorton „Schularbeit" per „lerneja verkajo" aŭ „eseo de lernanto", sed per **„nematura** verk(aj)eto".

Canko Murgin

## Aktualajoj el la Kooperativa Esperanto-Movado

**József Pal**

La E-movado, ekde sia fondiĝo serĉas la interilatojn kun tiuj sociaj organizoj, kiuj partoprenas en la solvo de la ĝeneralaj mondproblemoj, kaj tial ili mem serĉas internaciajn kontaktojn.

En la mondo disvastiĝas pli kaj pli la kooperativa movado. La Internacia Kooperativa Alianco havas en membraro el 600 000 kooperativoj proksimume 400 milionojn da kooperativanoj. Inter la celoj de la kooperativoj troviĝas la disvastigo de la principo de la reciproka helpo, la realigo de la principo koncerne la internacian kunlaboron. La kooperativoj okupiĝas disvastigi la kulturan agadon, la instruadon de siaj anoj. Ili partoprenas la solvon de tiaj mondskalaj demandoj, kiel la konservo de la paco, la patronado de la evolu-landoj, la evoluigo de la nutrado kaj la medioprotektado.

Ankaŭ la E-movado akceptas tiujn principojn kaj samtempe ĝi estas taŭga ilo por antaŭenigi la deziratajn kontaktojn por la deflankigo de ties baroj.

Konsiderante tion en kelkaj landoj (inter ili en Hungario, en Bulgario, en Francio kaj en Britio) la reprezentantoj de la Esperanta kaj kooperativa movadoj interkonsentis en la komuna kunlaboro. La E-movado surprenas la taskon de la regula informado (helpe de siaj iloj) pri la kooperativaj celoj. La kooperativa movado en sia kultura agado helpas la Esperantajn lingvokursojn, la fondiĝon de E-rondoj. Ili uzas en siaj magazenoj, hoteloj, servejoj por la loĝantoj ankaŭ Esperanton por informi la geklientojn. Ili instigas, ke oni uzu E-on en la internacia kunlaboro.

Por la dezirata disvastigo de tiuj celoj en Hungario oni organizis en 1982 en la urbo Gyula, kaj en 1983 en Budapeŝto Kooperativajn E-Konferencojn. La Konferencon de 1983 oni organizis enkadre de la 67-a Kongreso de UEA.

La organizantoj de la konferencoj ĝis tiam klopodis klarigi la komunajn principojn, kaj trajtojn de la du movadoj. Oni decidis, ke la sekvontoj ĉiu-jare organizotaj konferencoj jam temos la specialajn demandojn de ambaŭ movadoj. Sekvontafoje tiel okupiĝos pri la rolo de la junularo en ambaŭ movadoj.

La 3-a sekvonta kooperativa konferenco estos organizota — laŭ la programo — en Bulgario en 1985. La organizantoj samtempe proponas, ke la kooperativaj esperantistoj aranĝu konferenceton ankaŭ en Vancouver, enkadre de la 69-a E-Mondkongreso.

Okaze de la ĝisnunaj konferencoj ankaŭ organizaj problemoj estis pritraktitaj. Oni akceptis la proponon ke en ĉiuj landoj estu organizataj kooperativaj E-komisionoj — surbaze de kontraktoj inter E — kaj kooperativa movadoj. Samtempe estis fondita de UEA kooperativa E-komisiono. En tiu preparkomisiono partoprenas hungara, bulgara, ĉeĥoslovaka, pola, brita, itala kaj f. germana kooperativaj esperantistoj. La prezidanto de la provizora komisiono estas d-ro József Pál (Budapest, Szabadság tér 14. — 1054).

## „Homa sano kaj mediprotektado"

La 19-an de majo 1984 okazis en la Domo de Instruistoj en Tallinn, ĉefurbo de Estonia SSR, la 4-a konferenco „Homa sano kaj mediprotektado", organizita de Sciencteknika Fako de Estonia Filio de ASE.

La ĝeneralan temon sep esperantistoj primulis per interesaj prelegoj, kiujn sekvis longa diskutado. Unu prelego elstaris tial, ĉar referis paciento; estis s-ano E. Raus, kiu demonstris la venkon pri sia malsano, kaj nepre lia raporto tre impresis kaj eventuale instruis fakulojn.

La ideo referigi pacientojn oni konsideru por aliaj okazoj! — Hazarde mi dum libertempa ekskurso eksciis pri tiu ĉi konferenco. Tial mi povis saluti la kolegaron nome de GDREA kaj ties Medicina Fakrondo.

D-ro Giso Brosche

# El eksterlando

## ISEU'83 en Veliko Târnovo

Jam delonga la bulgaraj esperantistoj kaj precipe la esperantistoj en Veliko Târnovo revis pri grava, interesa kaj konstanta internacia E-aranĝo. Kaj fine ilia revo efektiviĝis — en Veliko Târnovo okazis la unua en Bulgario Internacia Somera Esperanto-Universitato (ISEU).

Ĉe la malfermo de ISEU'83, la 18an de julio 1983 ĉeestis pli ol 100 esperantistoj. Malferman salutparoladon faris prof. Angel Davidov — rektoro de la Universitato „Kiril i Metodij" en Veliko Târnovo, mem esperantisto. Prof. Davidov substrekis la gravan rolon de ISEU por la bulgara kaj internacia E-movado.

Dum la sekvaj tagoj en la prelegejo regule ĉeestis ĉirkaŭ 60 gesamideanoj, el ili 55 bulgaroj kaj, bedaŭrinde, nur 5 eksterlandanoj (el ĈSSR, Hungario kaj Danlando). Kvin tagojn en Veliko Târnovo kaj du tagojn en la ĉedanuba urbo Sviŝtov la partoprenintoj havis la eblecon aŭskulti 19 prelegojn, el ili pri temoj de la socipolitika kaj sociala vivo — 4, pri medicino — 3, pri historio, natursciencoj kaj kemio — po 1, pri arto — 2 kaj pri esperantologio, interlingvistiko kaj E-movado — 7. Kiel oni vidas, en la temaro superregis la E-temoj. Tio estas tute natura: sendepende de siaj aĝo, sekso, profesio kaj lingva nivelo la esperantistoj ĉiam manifestas viglan intereson al tiuj temoj. Inter la prelegoj aparte interesaj estis tiuj de prof. d-ro Paul Neergaard el Kopenhago, vicprezidanto de la Akademio de Esperanto („Akademio de Esperanto", „La evoluo de Esperanto", „Plantmalsanoj kaj malsatkatastrofoj"); de prof. d-ro Stojan Ĝuĝev el Sofio, vicprezidanto de la Akademio de Esperanto „Estetikaj problemoj en interlingvistiko", „Lingvaj konfliktoj kaj diskriminacioj"). Estis vere eminenta sukceso por ISEU havi la du vicprezidantojn de la Akademio kiel prelegantojn.

Bonegaj estis ankaŭ la prelegoj de d-ro Arpad Máthé el Budapeŝto („Esperanto en la scienco", „La plastoj en nia ĉiutaga vivo"). Same interesaj estis la prelegoj de Belka Beleva el la Supera Instituto de Teatra Arto en Sofio („Esperanto kaj la teatra ludo"), de Cano Ignev, kandidato de la filozofiaj sciencoj („Socialaj funkcioj de la arto"), de profesoroj Kiril Popov (pri medicinaj temoj) kaj Hristo Marinov el Sviŝtov („La problemo pri nutrado de la mondo" kaj „La ekologia estonteco de nia planedo") de K. Vâlev („Pri la vortkunmetado kiel baza principo en la sintakso de Esperanto"). Gravan kontribuon prezentis ankaŭ la prelego de Nikola Aleksiev — heroo de la socialisma laboro („Georgi Dimitrov kiel venkinto en la porpaca batalo") kaj de Nano Kjuĉukov, merita aganto de la kulturo („La Septembra Ribelo 1923 — rimarkinda evento en la historio de Bulgario"). La temaro de ISEU estis varia, aktuala kaj — kio estas tre grava — kompetente prezentita. Post ĉiu prelego sekvis fruktodona diskutado.

Enkadre de ISEU oni havis la eblecon trarigardi tri urbojn — Veliko Târnovo, Gabrovo kaj Sviŝtov.

Ĉiuj partoprenantoj en ISEU esprimis sian grandan kontentecon pri tiu interesa kaj ege utila E-aranĝo.

ISEU'83 jam estas fakto. Ĝi tre bone startis kaj ĝiaj unuaj paŝoj estas garantio, ke dum la sekvaj jaroj ĝi fariĝos nova populara kaj preferata fajrujo de la E-kulturo kaj internacia amikeco, de pacamo kaj humanismo.

(Laŭ „Bulgara Esperantisto")

### SER en Jugoslavio

Studentan Esperantistan Renkontiĝon (SER) oni ĉiujare okazigas en Jugoslavio. Ĝin plejparte partoprenas studentoj, mez- kaj alternejanoj, esperantistaj.

Ĉijare la 5a Studenta Esperantista Renkontiĝo okazis en Paliś (apud Subotica) de 9. ĝis 11. de marto 1984. Laŭ multaj ĉeestantoj ĝi estas ĝis nun la plej bone organizita SER.

La renkontiĝon partoprenis 60 personoj el ĉiuj respublikoj de Jugoslavio, krom Crna Goro, el 20 diversaj lokoj. Ĉeestis ankaŭ Neven Kovaĉiĉ, estrarano de TEJO, kiu laboras sur la kampo Landa Agado en Ekstereŭropaj Landoj kaj Tibor Sekelj, monde konata verkisto, esploranto kaj esperantisto. La ĉeftemo estis „Kiel plifortigi Esperanto-movadon inter studentoj en Jugoslavio". La referato pri la ĉeftemo kaj debato estis aranĝita sabate posttagmeze. Dume ekestis tre vigla kaj interesa debato. Oni konstatis, se jugoslavia junularo ankoraŭ pliviglîĝus kaj pli atenteme agus, tiam certe ankaŭ la studenta movado estus pli forta. Dume estis menciitaj pluraj kaŭzoj kiuj bremsas tion. Pro tio la ĉeestantoj formis, ankoraŭ ne oficialan, komisionon kiu havas la taskon registri kaj organizi la agadon de junularo, kio lastatempe ne estas sufiĉe kontentiga. Oni decidis daŭrigi la temon dum unuamaja renkontiĝo.

Dum la 5a SER ankaŭ estis aranĝita vizito al Ekonomia Fakultato de Subotica kaj poste la partoprenantoj povis konatiĝi kun komputiloj de Instituto por Informatiko kaj Organizado.

Gabor K. Vojniĉ

### Veterinaroj organiziĝas

Dum IVa IMEK en Proprad ses kolegoj el kvin landoj fondis perparan komisionon por Veterinara Sekcio en kadro de UMEA (Universala Medicinista Esperanto-Asocio).

Ni petas ĉiujn veterinarajn kuracistojn, teknikistojn, laboristojn kaj homojn, kiuj havas intereson aliĝi al tiu sekcio, skribi al la adreso: MVDr. Harna Vladimir, CS—774 00 Olomouc, Severni 4.

## Handikapuloj

Post trijaraj klopodoj, dum la pasintjara aŭtuna Renkontiĝo de Sloveniaj esperantistoj (1983) estis fondita Internacia Asocio de Handikapitaj Esperantistoj (IAHE). En provizora estraro estis elektitaj: por prezidanto d-ro prof. Robert R. Robertson (Aŭstralio): por vicprezidantoj: d-rino Lina Gabrielli (Italio), Nikolaj Griŝin (Sovetunio), José Marcilino (Brazilo) kaj por sekretario Dušan Adnadj (Jugoslavio).
Ekde la 1984 ekaperos gazeto Voĉo de Handikapuloj, kiu aperos 6-foje en la jaro, grandformate, lukse presata. Tiun gazeton redaktas elstaraj jugoslaviaj esperantistoj Dušan Adnadj kaj Vujadin Lukić. Abonkotizo estas 12 guldenoj aŭ egalvaloro. Vi estas invitataj aboni novan gazeton, helpi novan Asocion kaj klopodi doni informojn pri nia ekzisto kaj nia agado. Aliĝilojn, abonojn kaj helpon vi povas direkti al: Voĉo de Handikapuloj, 56227 Borovo, Školska ul. 25, Jugoslavio.

## Nova ŝako

Ŝako estas ludo kun senlimaj ebloj. Tamen aperas de tempo al tempo proponoj por modifi la konvenan ŝakludon, ekz. por 3 kaj 4 personoj, etaĝa ŝako. Pro la efemereco de tiuj ĉi modifoj ne valoras la penon paroli pri tio, sed nun eĉ ekzistas „Internacia Esperanta Heksagona Ŝaka Klubo".
La tabulo estas sesangula, havas malhelajn, helajn kaj mezkolorajn kampetojn, entute 91. Oni ludas krom per la kutima figurnombro per 3 kurieroj kaj 9 peonoj; aroko ne eblas. Kiam peono jam per la unua movo kaptas, tiam ĝi rajtas ankoraŭ en la venonta movo antaŭeniri 2 kampetojn.
Interesuloj povas skribi al V. Bujak, Ŝaka Klubo, leterkesto 27, Poŝtamto, SU—220050 Minsk, USRR.

## Por blinduloj

Bulgara Asocio por Blinduloj eldonis novan verkon en E-brajlo. Ĝi estas „Elektitaj versaĵoj" de Nikola Vapcarov, mondfama proleta bulgara peoto, pereinta en la batalo kontraŭ faŝismo. La komisiono pri E-o de la bulgara blindulasocio dissendis ĉi tiun unuvoluman verkon senpage al ĉiuj grandaj brajlaj bibliotekoj en la mondo.

## Materialoj pri medio-protekto

Kieva Esperanto-klubo de internacia amikeco „Ora pordego" volas montri al la publiko eblecojn kaj disvastiĝon de Esperanto. Nun en la mondo estas tre aktuala problemo de la mediprotektado. Ankaŭ ni volas kontribui al ĉi nobla afero. Ni volas kolekti afiŝojn kaj aliajn ekspozicieblajn materialojn pri la temo el la tuta mondo por organizi fine de la jaro ekspozicion „Nia hejmo — Tero". Krome ni kolektas afiŝojn pri kontraŭfuma kaj kontraŭalkohola temoj. Ni tre petas vin helpi al ni. Ni pretas helpi al vi en la similaj aranĝoj. Anticipan dankon! Skribu al: Sovet-Unio 252 200, Kiev 200, p. k. 539/1, Lineckij Miĥail.

## Letervespero en Vilnius

Fine de novembro Vilnius-a junulara E-klubo „Juneco" organizos letervesperon „Esperanto por mondpaco kaj amikeco". Poŝtkartoj leteroj, afiŝoj, diversaj presaĵoj estas bonvenaj. Sendaĵojn bonvolu direkti laŭ adreso: E-klubo „Juneco", P. O. Box 61, 232 000 Vilnius-C, Litovio. Ĉiu sendinto ricevos respondon.

## Kiu korespondis kun k-do Grinhanz?

Dum la jaroj 1931 — 193 la soveta esperantisto Leonid Daniloviĉ Grinhanz, loĝinta en la urbo Nikolajev, korespondis kun germana esperantisto, kiu estis komunisto kaj parlamentano. De tiu germana parlamentano L. D. Grinhanz ricevis dokumentojn kun kontraŭfaŝisma enhavo, eldonitajn de la Komunista Partio de Germanio. Esperantistoj sciantaj pri tiuj ligoj bv. skribi al M. N. Geller, 327 055 Nikolaev, pr. Lenina 141 „B", kv. 77.

## Verkoj de P. Polišĉuk serĉataj

Uzbekiaj E-aktivuloj klopodas ordigi kaj kompletigi por eventuala eldono la kreon heredaĵon de vaste konata taŝkenta esperantisto, Petro Polišĉuk. Tiucele estas serĉataj ĉiuj liaj originalaj kaj tradukitaj verkoj, dissemitaj 'tra Esperanto-gazetaro kaj privataj leteroj. Ni petas la tutmondan esperantistaron kaj ĉiujn leteramikojn de P. Polišĉuk reeĥi kaj sendi originalojn aŭ kopiojn de liaj verkoj kaj korespondaĵoj al la adreso de la prizorganto: Vladimir Masalkin, massiv Junusabad, kvartal 8, dom 13, kv. 28, 700 093 Taŝkent—93, Uzbekistan, USSR. Ni petas redaktorojn de ĉiuj esperanto-revuoj represi ĉi-alvokon en siaj periodaĵoj.

## Nova disko de Zdravev

La konata bulgara esperanto-kantisto Miŝo Zdravev produktis novan diskon. Ĝi entenas la du kantojn „ĝojo" kaj „Venu en Borovec". (Stereo, Balkanton 3695, 0,70 levoj)

## Oferto

Ekzercaro de Zamenhof germanen tradukita de Oskar Stolberg kun komentoj taŭga kiel helpmaterialo por fakultativaj kursoj de Esperanto, 40 lecionoj = M 10,—. Mendu ĉe la tradukinto: Oskar Stolberg, 7010 Leipzig, Auenstr. 14.

## Nova romana

En Estonio (eldonejo „Esti Raamat") aperis en Esperanto romano de granda estona verkisto Eduard Vilde (1865 — 1933) „Laktisto de Mäeküla". En la romano oni parolas pri rilatoj de kamparano kaj bienestro. Tradukis Valev Kruusalu. Aŭtoro de postparolo estas popola verkisto de Estona SSR Aadu Hint. Eldonkvanto estas 4000 ekz. En Estonio, en ĉefurbo Tallinn estas memormuzeo kaj monumento de Eduard Vilde. Ankaŭ estas filmo „Laktisto de Mäeküla". [Havebla ĉe GDREA]

## Novaj libroj el Hungario 7

(Kp. la listojn en „der esperantist" n-roj 97, 98, 105, 110, 111, 120, 123. Mendu ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9, Skribu germane.)

— István Nemere: Sur kampo granita. Budapest. Hungara Esperanto-Asocio, 1983. Originala romano, ISBN 963 571 1209, 127 p.

— Krum Velkov: Vilaĝo Borovo. Trad. el la bulgara: Asen Grigorov. Budapest, Hungara Esperanto-Asocio 1983, Romano, ISBN 969 571 1158, 130 p.

— Zsusza Barcsay: Metodiko en la praktiko. Kontribuoj pri Esperanto-instruado de B. Bagnarsson, W. Bormann, I. Szerdahelyi, Zs. Barcsay ,T. Dahlenburg, A. C. E. Childs-Mee, E. Ludwig, C. Piron, I. Terts, J. Horváth, E. Csiszár, E. Bodnár, T. Cserne, Zs. Csiszár, E. Formaggio-Vilisics, G. Pirlot, Budapest 1982, Hungara Esperanto-Asocio, ISBN 963 571 1077, 122 p.

— Vilmos Benczik (red.), Hungara Antologio. 241 verkoj de 73 aŭtoroj. Budapest 1983, Hungara Esperanto-Asocio, ISBN 963 131 6254, 448 p., 75 m.

— Albert Lienhardt: Amuza legolibro en Esperanto. Budapest, HEA, 1984, 216 p. ISBN 963 571 1247, 75 Ft. The taŭga por progresigaj kursoj. Gradigitaj legajoj en simpla linvostilo kun 2000 didaktikaj demandoj kaj respondoj. Por junaj lernantoj de Esperanto.

— Ferenc Szilágy: La vivo de Sándor Körösi-Csoma, HEA, Budapest, 1984, 151 p., 65 Ft. Pri la vivo de lingvisto, kiu fondis la filologion pri la tibeta lingvo.

— Henrik Seppik: La tuta Esperanto. Tria eldono, HEA, Budapest, 1984, 184 p., ISBN 963 571 127X, 65 Ft. Esperantlingva gramatiko, uzebla en superaj kursoj kaj kiel konsultlibro.

— Endre Dudich: Ĉu vi konas la teron? Ĉapitroj el la geologiaj sciencoj. Budapest (SE de UEA), 1984, 214 p., 70 Ft.

— István Nemere: Febro. Originala romano. Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1984, ISBN 963 571 1433, 131 p., 65 Ft.

— Julian Modest: La Ora Pozidono. Originala romano. Hungara Esperanto-Asocio. Budapest 1984, ISBN 963 571 1328, 68 p., 40 Ft.

— Elek Benedek: Hungaraj fabeloj. Dua eldono. Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1983, ISBN 963 571 1182, 70 p., 40 Ft. (Ft = forintoj, m = markoj de GDR)

#### Spertoj el la kluba vivo: ilustritaj poŝtkartoj

Ekde kelkaj jaroj Hans-Joachim Borgwardt el Stralsund faras modelan laboron kiel prezidanto de la Subdistrikta Estraro de GDREA en Stralsund. Li scias kaj propagandi Esperanton kaj apliki ĝin en originala maniero. Li gvidis junularajn grupojn al ĈSSR kaj akceptis tieajn en Stralsund. Li utiligas la fotomaterialon ricevitan el Japanio pri la sekvoj de la atombombaj jetoj sur Hiroŝimo kaj Nagasaki kaj prelegas antaŭ esperantistoj kaj neesperantistoj pri tiu grava kaj bedaŭrinde ege aktuala temo. Li faras ekspoziciojn kaj aktive kunlaboras en la subdistrikta estraro de Kulturligo. Ŝatataj estas liaj kontribuoj en la Centra Estraro de GDREA, al kiu li apartenas.

Kaj jen — plua interesa kaj originala ideo de Hans-Joachim Borgwardt. Estas konate, ke multaj homoj ŝatas bele ilustritajn poŝtkartojn el eksterlando, kolektas ilin. Ja la esperantistoj havas aparte bonajn eblecojn akiri kolekton. Pro tio Borgwardt fondis 1980 interessocieton de kolektantoj de ilustritaj poŝtkartoj (vidaĵkartoj). Ili regule kunvenas kaj interŝanĝas siajn vidajkartojn. Nur dum la aranĝo aŭtune 1983 pli ol 1000 de tiuj ilustritaj kartoj ŝanĝis sian posedanton. Multaj — sed ne ĉiuj — ankaŭ interesiĝas pri Esperanto uzante la lingvon por akiri novajn erojn por la kolekto. La kolektado okazas laŭ motivoj, luj interesiĝas pri pontoj, fervojoj aŭ teatroj domoj. Tre instiga estas la kolektado de malnovaj vidaĵkartoj pri urboj moderne evoluintaj. Pro tio „poŝtkarta prelego" de Hans-Joachim Borgwardt sub la titolo „Pri tio neniu pensis antaŭ 50 jaroj — perpoŝtkarta promeno tra la malnova Stralsund" havis ege grandan sukceson. Li utiligis diapozitivojn faritajn de vidajkartoj. Eĉ 9-foje li devis ĝin prezenti antaŭ laboristaj kolektivoj, en la aranĝoj de la vespera lernejo aŭ en kluboj de veteranoj. Pli ol 500 personoj jam aŭskultis lian prelqegon kaj kompletigis tiel sian kulturhistorian scion.

#### Lernejana akademio

En la kadro de la lerneja sistemo de GDR funkcias diversaj eksterlecionaj klerigaj aktivecoj kaj instancoj. Al ili apartenas la „lernejana akademio". Temas pri serio da prelegoj, farita de elstaraj fakuloj pri novajoj el naturo kaj socio. En tiu kadro ankaŭ esperantistoj prezentis lecionojn pri Esperanto, inter ili Jürgen Hamann el Leipzig. Tre bona iniciato ĉi-rilate venis de Johannes Dittrich el Roßwein, kiu prelegis la 24an de aprilo 1984 en la domo de junpioniroj en Döbeln pri „Hiroŝimo — homa tragedio, admono por bonvolaj homoj al batalo por la paco kaj kontraŭ la decido pri NATO-reketoj". Johannes Dittrich utiligis esperantlingvajn materialojn el Japanio.

#### Konversacio vortaro

En Latvio (eldonejo „Avots" en Rigo) aperis „Latva-Esperanta konversacio vortaro" (aŭtoro E. Jaunvalks). En la vortaro estas ankaŭ resumo de Esperanto-gramatiko. Eldonkvanto 20 000 ekz.

## Interesuloj pri Pisanica

Atentu jenan gravan informon: Se vi estas akceptita por la Internacia Kursejo en Pisanica kaj paginta la necesan sumon ĉe la bulgara reprezentanto en GDR, nepre vi mem precize anoncu vian alvenon en Pisanica, ĉar alikaze oni ne garantias glatan akcepton.

CE de GDREA

## Internacia Komputado '84

Nova eldonserio aperas en tiu ĉi jaro per la supra titolo. Ĝi en facila, magazin-stila prezentado provas helpi la orientiĝon de la hodioaŭaj homoj en la rapidege disvastiĝanta komputado. „Internacia Komputado '84" donas iom pli da atento al malgrandaj landoj, kun intenco tiamaniere servi kiel ilo de pli demokratia informfluo en komputado.

Laŭenhave ĝi donas konkretajn, interesajn, ankaŭ en la praktiko utiligeblajn novajojn (prezoj, adresoj, teknikaj karakterizoj).

La artikoloj de „Internacia Komputado '84" estas kolektitaj por ke ili estu interesaj ne nur por ĉiu komputisto, sed ankaŭ por ĉiu homo, aplikanta komputilon aŭ interesiĝanta pri komputado. Do ĝia celita legantaro estas komputistoj en larĝa senco kun slogano: la revuojn pri aŭtoj kaj motoroj legas ne nur la profesiaj ŝoforoj. Same la magazino pri komputado parolas ne nur por komputistoj!

La lingvaĵo estas speciale facila, por ke oni povu legi ĝin sendepende de faka lingvokono. Interesan artikolon oni eĉ kun vortaro tralegas kaj ĝi vere legeblas por fakuloj post unuhora trarigardo de gramatiko kun simpla, ĉiutaga vortaro. Pro tio ĝi servas kiel bonega varbilo en bibliotekoj kaj laborejoj, la rekonon de tio atestas ĝia amasa mendado el universitataj kaj instituciaj bibliotekoj.

„Internacia Komputado '84" aperas en laŭtemaj 64-paĝaj, kolorkovrilaj, elegantaj, temaj volumoj. La unua pri retoj jam aperis, ĝin sekvos volumoj pri tekstoprilaboro, datumbazoj kaj programada teknologio.

Eldonserio „Internacia Komputado '84" estas speciale malmultekosta por ebligi la amasan aĉetadon. Ĝi aĉeteblas ankaŭ po unuopaj volumoj, kies prezo estas 30 forintoj.

La serio tutjare mendeblas por nacia valuto jam en trideko da landoj, ankaŭ en GDR, ĉe Michael Behr (7113 Markkleeberg, Koburger Str. 83) por 24 markoj.

(Laŭ Budapeŝta Informilo 5/84)

### Enciklopedia Vortaro de Wüster kompletiĝos

Estas konate, ke Eugen Wüster ellaboris siatempe la **tutan** manuskripton de sia Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana. Tamen en la tridekaj jaroj aperis nur la unua duono de la verko (literoj A-Korno).

La Scienca Eldona Centro de UEA petis la iaman kunlaboranton de Wüster, inĝ. Hans Joachim Plehn, Vieno, pretigi surbaze de la manuskripto foteblan tajposkripton de la dua duono (Korno-Z). Inĝ. Plehn kun granda entuziasmo kaj tre akurata maniero komencis jam la laboron.

Tiu ĉi laboro absoulte ne estas simpla, ja la manuskripto estas preta, sed ankoraŭ ne por kompostado. Estas en ĝi tajpitaj paĝoj, manskribitaj partoj, eĉ stenografiaĵoj laŭ la malnova sistemo de Gabelsberger. Tamen ni povas esperi ke ĝis la jubilea jaro 1987 fine la Enciklopedia Vortaro kompletiĝos kaj estos presite akirebla kaj por scienca studado kaj por la ĝenerala publiko.

O. Haszpra, Budapest

### Kubaj libroj en Esperanto

La Kuba Fremdlingva Eldonejo „José Martí" (elp. Ho-se Mar-ti) kunlabore kun Kuba Esperanto-Asocio komencik eldoni kubajn librojn en la Internacia Lingvo.

La unua eldonata libro titoliĝas „La historio absolvos min". Ĝi temas pri la sindefendo de doktoro Fidel Castro (elp. Fi-del Kastro), nuntempe prezidento de Kubo, en la juĝo de l'Moncada (elp. Monkada) en la jaro 1953.

En preparo estas du pliaj gravaj verkoj: „En marŝo kun Fidel" kaj „La ŝtata organizo en Kubo". Sekvos multaj aliaj, originalaj kaj tradukitaj, pri la plej diversaj temoj: historio, literaturo, politiko, scienc-fikcio k. t. p.

Per ĉi tiuj eldonaĵoj vi povos konatiĝi kun la ĉiam verda Kariba Insulo, kie la suno forte brilas kaj la amikeco abundas.

La interesitoj pri po-granda aĉetado aŭ/kaj interŝanĝado de libroj devas peti informon ĉe: Ediciones Cubanas, Apartado 605, C. Habana 1, Cuba. Ĉi tiu estas la entrepreno de ekstera komerco pri eldonaĵoj. Ĝia stratadreso estas: Obispo 461, Entre Villegas Y Aguacate, Habana Vieja.

**KEA invitas ĉiujn esperantistojn, kiuj vojaĝas Kubon, viziti sian Centran Oficejon kaj ĉeesti siajn aranĝojn. La CO-KEA situas en Neptuno 201 Stratangule Industria, Centro-Havano. Oni povas averti la viziton per la telefonnumero 61 0576.**

**Viv" la amikeco inter la popoloj de la tuta mondo! KEA**

### La plej vendata Esperanto-libro

Jus aperis la 5a eldono de la perfektiga antologia lerno- kaj lego-libro „Paŝoj al plena posedo" de William Auld.

Eldonita ĝis nun en entute pli ol 20 000 ekzempleroj, la menciita verko estas la plej sukcesa kaj plej vendata Esperanto-libro en la tuta historio de la internacia lingvo.

En 230 paĝoj, la perfektiga lernolibro prezentas 30 lecionojn kun entute 180 lingvaj ekzercoj. Al ĉiu leciono estas aldonita literaturaĵo: entute la studanto trovas en la verko 18 originalajn kaj 12 tradukitajn beletrajn legaĵojn. La originalaj verkoj fontas el la plumo de la plej famaj Esperanto-stilistoj, de Zamenhof ĝis Kalocsay, Szilagy, k. a.

Dank' al kunlaboro kun Hungara Esperanto-Asocio, la nuna 5a eldono aperas en 5000 ekz. kaj estas vendata ankaŭ en la socialistaj landoj. La libro kostos ĉirkaŭ 20 markojn kaj mendeblas ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str, 9.

## Ni kore gratulas

— al Paul Thomas el Auerbach, iama laborista esperantisto kaj ankaŭ nuntempe tre vigla membro de GDREA, kiu festis la 22an de septembro 1984 en bona sano sian 80an naskiĝtagon.

# Recenzoj

### Atanasov, D. Atanas: La lingva esenco de Esperanto. Universala Esperanto-Asocio, Rotterdam, 1983, 176 p.

Aperis tre utila libro, kies aŭtoron vi certe pli bone konas per la kaŝnomo „ADA". Li forpasis antaŭ tri jaroj, sed liaj esploroj pri esperantologiaj temoj, liaj lernolibroj kaj tradukitaj verkoj donas al ni subtilajn instigojn, egale ĉu ni estas lernantoj de Esperanto aŭ „kontentuloj".

La priparolata libro entenas 23 esperantologiajn eseojn, inter kiuj — miaopinie! — elstaras la artikoloj, titolitaj „Lingvo kaj logiko", „Propraj esprimpovoj de Esperanto" kaj „Utiligo de Esperanto por filologiaj studoj".

Jen kelkaj argumentoj resp. problemoj, pri kiuj ADA atentigas la legantojn en la menciitaj artikoloj:

La logiko de Esperanto ne estas komprenenda en senco de matematika precizeco; ĝi (= Esperanto) havas, kiel ĉia homa lingvo, sian logikon. Kaj la propra logiko de Esperanto koncentriĝas en la kombino de difinita formala signo kaj ĝenerala ideo de ĉiu unuopa elemento. Ni nur (kia celo! — T. D.) devas eksenti la esencon de ĉiu el la elementoj de Esperanto kaj akiri kutimon pensi esperantlingve. (El: Lingvo kaj logiko.)

Ofte riproĉatas konstruoj de frazoj sub influo de iu nacia lingvo, la enkonduko de t. n. „kontraŭzamenhofaj" nekorektajoj. La vero estas inversa: Esperanto ne devas esti lingvo rigida; ĝiaj elementoj povas esti kunigitaj en plej diversaj kombinoj kaj per tio ĝia esprimkapablo estos plifortigata. Juĝu mem, kara leganto, ĉu ADA estas prava aŭ ĉu li eĉ pravas? (El: Porpraj esprimpovoj de Esperanto.)

La Esperantologio havus enviindan enstentecon, se ĝi estus konsiderata ne nur de lingvoscienca vidpunkto, sed ankaŭ pli forte de filologia vidpunkto (laŭ ADA „filologio" estas la pli larĝa nocio kaj en ĝi enteniĝas ankaŭ aliaj parencaj al la lingvistiko disciplinoj: etnografio, folkloro, literaturscienco, literaturhistorio k. a.).

Car ne ekzistas lando Esperanto, la kompara studado de folkloraj fenomenoj laŭvoje de amasigo de faktoj pere de unu, komuna lingvo Esperanto povas multe kontribui al la tiel nomata „migra teorio de folklorajoj", al kiuj apartenas popolaj kutimoj ĉe gravaj momentoj de la vivo (naskiĝo, bapto, nupto, morto), ritaj kutimoj en la vivo de la terkulturistoj, de ĉasistoj ktp.

Sveltaj knabinoj en ĉiuj landoj: Ĉu vi preferus esti nomataj en Esperanto poploj, betulaj arbetoj aŭ abioj? Malfermiĝas antaŭ ni vasta kampo por studado de „scienco pri enloĝantoj, kulturo kaj geografio" kaj ni, esperantistoj, povus mildigi la superecan tendencon en la apliko de la ĉi rilata sciencobranĉo, kiu germane nuntempe nomiĝas „Landeskunde". Ŝajnas al mi, ke antaŭ ĉio la ĉapitro „Utiligo de Esperanto por filologiaj studoj" pliriĉigas nian strategion koncerne la enhavon de lernolibroj de Esperantoj.

Krome vi trovas en la prezentita valorega de prelegoj kaj eseoj ĉapitretojn pri fonetiko, vortfarado, prepozicioj, sinonimoj kaj homonimoj, pri la deveno kaj uzo de kelkaj vortoj kaj pri interpretado de „interlingvistiko".
Mi kiel metodikisto tre rekomendas la ADA-an libron, ĉar ĝi helpas al ni fariĝi „maltrodogmuloj". Till Dahlenburg

### Nemere, Istvan: Sur kampo granita. Hungara Esperanto-Asocio. Budapest. 1983. 127 pĝ. 15 gld.

Istvan Nemere estas unu el la plej produktivaj verkistoj esperantlingvaj. Lia unua libro (La naŭa kanalo) aperis en 1981, nun ni povas legi lian kvaran verkon.

Martin Dregger, dum la milito leŭtenanto de la germana okupada armeo en Italio, respondecas pri pafmortigo de sep homoj. Post la milito li eklaboras ĉe la Ruĝa Kruco en Svislando kaj tie altrangiĝas. Kiam li demaskiĝas kiel militkrimulo, li mallonge antaŭ la arestiĝo veturas al la vilaĝo, kie li estiĝis krimulo, por denove renkonti la ĉeestintojn.

La historio estas verkita laŭ vera okazaĵo. Tiu afero ne estas unika, ankaŭ en GDR antaŭ nelonge estas kondamnita simila homo kiel Dregger: Dum la milito krimulo, poste bona ŝtatano, diligenta laborulo, fidinda estro. Do la temo de la romano estas aktuala. Tamen min, germano naskiĝinta dek jarojn post la milito, la verko ne kontentigas. Nemere priskribas la vivon de Dregger en la itala vilaĝo kaj poste kiel funkciulo de RK. Dregger ĉiam strebas esti bonulo, li evitas kverelojn kun la vilaĝanoj, penas konstrui ponton inter invadintoj kaj okupiĝintoj. Lia malbona ombro estas la suboficiro Helmut, ĝisosta nazio, kiu plenumas la krimojn. La pentrata bildo de germanaj oficiroj restas nekompleta, pala. Tradicioj de la oficira kasto, ebla burĝa humanisma edukado, iuj rilatoj al la faŝisma reĝimo restas netuŝataj. Nemere verkas profesie, flue. Kvankam li enhavo ne atingas la nivelon de „La blinda birdo", kio por mi estas lia ĝisnuna majstraĵo, li pruvas, ke li scipovas ligi politikan eldiron kun aventureco kaj verkista altniveleco. Michael Lennartz

## Pri la Monto de S. Anna

La Esperanto-klubo en Opole (WDR, skr. poczt. 405, 45—043 Opole) eldonis kajereton „Góra Św. Aunyn". La 18paĝa broŝureto pri la monumenta „Monto de Sankta Anna" estas havebla ĉe la grupo kontraŭ esperantaĵoj kun valoro de sendokostoj.

#### Japana eldono de „Paco" '84

Ni sendas senpage al petantoj la japanan eldonon de „Paco" 1984 GDREA.

# KORESPONDDEZIROJ

31 6 35

Ni publikigos nur tajpitajn koresponddezirojn!

## Bulgario

Lernantino, 12j., dez. kor., kol. bk, insignojn, kalendaretojn: Ana Vasileva Angelova, **4485 vilaĝo Bratonica,** distr. Pazarĝik Ivajlo Ctefanov, **5400 Sevlievo,** str. „Stojan Baĉvarov" 1, pk. 2, (10j.) dez. kor.

## ĈSSR

Petra Jordánková, **66902 Znojmo,** Lovská 12, (14j.), dez. kor. Šarka Lachova, **39701 Pisek,** ul. Tř. Přaklstoi 1995, (11j.), dez. kor., kol. bk, pm, suvenirojn
Alena Vacinová, **27401 okr. Kladno,** Jemnik č. 38, dez. kor. Grafikisto, 28j., dez. kor. pri fotografado, literaturo, arto: Jiři Hanousek, **460 07 Liberec 7,** Votočkovo 10

## GDR

Angela Goldschmidt, **4323 Ermsleben,** Konradsburger Str. 2, Pf. 12, dez. kor. tutmonde pri muziko, literaturo
Komencantino dez. kor. tutmonde kun bestamaj naturgeamikoj: Ruth Kiel, **1275 Eggersdorf,** Bötz-See Strr. 8—9
Fizioterapiistino dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Margrit Armitter, **1278 Müncheberg,** Eggersdorfer Siedlung
Edith Thielsch, **1125 Berlin,** Zechliner Str. 14, (40j.), dez. kor. tutmonde pri vojaĝoj, literaturo, lernejoj.
Susanne von Dammann, **5502 Bleicheroda,** Albin-Wille-Str. 2, dez. kor. tutmonde pri muziko, literaturo, fiziko, E-movado.
S-ro F. Zahlmann, **2402 Wismar,** Erwin-Fischer-Str. 41, dez. kor. tutmonde pri literaturo, voĵaĝoj, filatelo.
Ingeburg Richter, **9504 Bärenwalde,** Auerbacher Str. 130, (27j.), dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. pm
Frank Neumann, **2330 Bergen,** Arkonastr. 13, (24j.), dez. kor. tutmonde pri sporto, muziko, vojaĝoj, kol. pm, bk
Martina Keller, **8305 Königstein,** Kleiner Weg 1, Pf. 13, dez. kor. tutmonde pri muziko, vojaĝoj, literaturo, historio.
Christian Papenmeier, **9156 Oelsnitz,** Obere Hauptstr. 104, (30j.), dez. kor. tutmonde pri E-movado, kol. insignojn.
Andreas Lämmel, **9158 Hohndorf,** R.-Breitscheid-Schacht 10d, (22j.), dez. kor. tutmonde pri E-movado, vojaĝoj, literaturo.
Heiko Buresch, **7580 Weißwasser,** Jacobistr. AWH Kraftwerk „Boxberg" 227/B, dez. kor. tutmonde pri muziko, vojaĝoj, literaturo, utopio, ŝako, kol. pm
Studentino, 19j., dez. kor. tutmonde pri muziko, literaturo: Claudia Scholz, **2620 Bützow,** Ernst-Thälmann-Str. 43
Grina Blume, **3601 Vogelsdorf,** Hauptstr. 25, dez. kor. tutmonde pri literaturo, muziko, vojaĝoj
Jürgen Haseloff, **8403 Nünchritz,** Karl-Marx-Str. 29a, dez. kor. tutmonde pri ĉio, kio beligas nian vivon en profesio kaj libera tempo.
Ruth Arnoldt, **6432 Oberweißbach,** Sonneberger Str. 16, dez. kor. tutmonde pri naturprotektado, literaturo, E-movado.

## Hungario

Studento dez. kor. k. esp. el GDR: Sándor Maticsák, **4600 Kisvárda,** Sárköz u. 36
Sándor Benkö, **5900 Orosháza,** Fürdö u. 34, (12j.), dez. kor. Lernantino dez. kor.: Erzsébet Mickolozi, **6000 Kecskemét,** Akademia krt. 32. V/42.
Ildikó Nagy, **Szentes,** Achim 11, 37j., tajpistino, dez. kor. pri muziko, kol. bk.
23j. elektromekanikisto/amatora popoldanc-k. baletartisto, dez. kor. kun samfakuloj: József Kovács, **1225 Budapest.** Bartók Bela u. 11/a


Herausgeber: Kulturbund der DDR
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. — Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. —
Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckerei Aue, 9400 Aue.
Artikel-Nr. (EDV) 7928 3 2 16